3.ª Epoko * N.° 88 Septembro * 1924

# LA SUNO HISPANA

Organo de la hispanaj esperantistoj * Organo de los esperantistas españoles

## UNUA KONGRESO
Primer Congreso

## DE LA FEDERACION ESPERANTISTA LEVANTINA EN CHESTE (VALENCIA)

**SUB LA PROTEKTADO DE LA URBESTRADO**
bajo el protectorado del Ayuntamiento

**La 19-an kaj 20-an de Oktobro 1924ª**
Los días 19 y 20 de octubre 1924

Niaj viglaj samideanoj el Cheste, interkonsente kun la Aganta Komitato de la Federacio, penadis aranĝi tiun-ĉi kongreson, kiu kredeble estos la unua stupo de nia organiza regiona movado, kun la celo varmigi la entuziasmon de niaj samideanoj kaj plenumi la decidojn de la Kongreso de Bilbao pri regiona organizado kaj tiun de la Universala Kongreso en Vieno, rilate al la transiro de la propaganda epoko al la dua periodo praktika de Esperanto.

Ambaŭ komitatoj kore invitas ĉiujn samideanojn ĉeesti nian unuan kunvenon, kiu promesas veran sukseson laŭ la efika laboro de la L. O. K. kiu antigis sindonan apogon de ĉiuspecaj aŭtoritatoj, ĉefe de la Urbestro, kiu tre varme akceptis la ideon kaj faciligis ĉiumaniere la efektivigon de la kongreso. La Urbestraro regalos la gastojn per lunĉo kaj oficiala bankedo, kaj la urba muzikistaro ludos la himnon *La Espero*.

La vizitontoj sendu la aliĝon al la *Federación Esperantista Levantina*, strato Mar, 23, Ateneo Científico, Valencia, aŭ rekte al la L. O. K. strato María Carbonell, 3, Cheste (Valencia).

*¡¡¡Esperantistoj, aliĝu tuj!!! Kotizaĵo senpaga.*

Nuestros activos samideanos de Cheste, de acuerdo con el Comité Ejecutivo de la Federación, han organizado este congreso, que seguramente será el primer escalón de nuestro movimiento regional de organización, con el fin de caldear el entusiasmo de nuestros samideanos y cumplir las decisiones del Congreso de Bilbao, acerca de organización regional y la del C. U. de Viena, relativa a la transición de la época de propaganda, al segundo período práctico de Esperanto.

Ambos comités invitan cordialmente a todos los correligionarios para que asistan a nuestra primera reunión, la que promete ser un verdadero éxito, a juzgar por el eficaz trabajo del C. L., que ha obtenido el desinteresado apoyo de todas las autoridades, en especial del Alcalde, quien acogió la idea con gran calor y ha facilitado por todos los medios la realización del congreso. El Ayuntamiento obsequiará a los huéspedes con un lunch y banquete oficial, y la banda municipal interpretará el himno *La Esperanza*.

Los que deseen asistir envíen sus adhesiones a la *Federación Esperantista Levantina*, calle del Mar, 23, Ateneo Científico, Valencia, o directamente al Comité local organizador, calle de María Carbonell, 3, Cheste (Valencia).

*¡¡¡Esperantistas, inscribios en seguida!!! Inscripción gratuita.*

# XVIa Universala Kongreso de Esperanto en Vieno

Mi multe memoras pri la *Kongresa Amuzaĵo* originala de mia amiko Mikaelo Arabeno, ĉar se mi estus devigata priskribi fidele kaj detale la impreson personan, kiun al mi kaŭzis la XVIa, certe mi estus devigita transkribi tie-ĉi kelkajn frazojn el tiu verko de Arabeno, kiujn elparolas la personoj de li elpensitaj.

Mia itala amiko portretis, tia estas la vorto, en tiu produktaĵo, la karakterojn de la diversklasaj ĉeestantoj en la universalaj kongresoj de esperanto. Kompreneble Arabeno pentris tipajn karakterojn de kongresanoj, sed en tiu-ĉi kongreso tiuj tipaj personoj perdis iliajn specialajn karakterojn, ĉar ĉiuj aŭ preskaŭ ĉiuj vienkongresanoj devenis rolludantaj la personaron de la Kongres-amuzaĵo.

Efektive, la tipa kongresano kiu ne estas kontenta pro tio ke la L. K. K. ne bone aranĝis la datojn, horojn kaj ĉambrojn por la diversaj fakkunsidoj, estis fidele reprezentata per amaso da kongresanoj; la tipa kongresano, kiu montras sian ĉagrenon ĉar la L. K. K. forgesis ian mendon pri hotelo, dormoĉambro aŭ modesta loĝado, estis tiel ĝenerala ke, mi povas diri multenombriĝis. Unuvorte, dekstren kaj maldekstren oni aŭskultis plendojn pri ĉio. Eĉ la ĉiusemajna esperanta gazeto Esperanto Triumfonta pli malpli kaŝite en ĝiaj raportoj pri la XVIa ankaŭ reespegulas tiujn impresojn.

Nur mia amiko S-ro. Arabeno montriĝis ĉiam kaj ĉie tre kontenta kaj ekridema... Kompreneble, ĉar li konstatis ke lia verko atingis en tiu-ĉi kongreso pli grandan sukceson ol iam li povis imagi.

Malgraŭ tio mi volas defendi la Lokan

# XVI.° Congreso Universal de Esperanto en Viena

Al escribir esta reseña, mucho me acuerdo del *Juguete Cómico Congresista*, original de mi amigo Miguel Arabeno, ya que si me viese obligado a describir fielmente y al detalle la impresión personal que me ha causado el XVI°, ciertamente me vería impelido a transcribir aquí algunas frases de la obra de Arabeno, puestas en boca de los personajes inventados por él.

Mi italo amigo ha retratado, esta es la frase, en aquella producción, los caracteres de la diversa clase de asistentes a los congresos universales de Esperanto. Naturalmente, Arabeno dibujó caracteres típicos de congresistas, pero en el congreso actual esos personajes típicos han perdido su especial carácter, puesto que todos o casi todos los congresistas de Viena se han convertido en actores de la comedia citada.

En efecto: el tipo de congresista que está disgustado porque el Comité Local no ajustó conforme la fecha, hora y sitio para las diversas secciones y reuniones, se hallaba fielmente representada por una gran masa de congresistas; el tipo de congresista que muestra su disgusto, porque el Comité Local olvidó su encargo sobre el hotel, la habitación para dormir o el modesto alojamiento, ha sido tan general, que puedo asegurar era numerosísimo. En una palabra: a derecha e izquierda se escuchaban quejas por todo. Hasta el semanario esperantista *Esperanto Triumfonta*, más o menos embozadamente, en sus reseñas acerca del XVI° también reflejaba estas impresiones.

Únicamente mi amigo Arabeno se mostraba siempre y en todas partes muy gozoso y sonriente... Claro, porque pudo observar que su obra alcanzó en este Congreso un éxito tan grande cual jamás pudo él imaginar.

Ello, no obstante, yo quiero defender

Kongresan Komitaton de la XVI[a] ĉar estas tute neeble, post dekkvin universalaj kongresoj okazintaj jam pli mal pli bone aranĝitaj, organizi alian pli bonan ol la pasintaj. Pri tiu afero la komparo ĉiam estas malamiga, kaj ni devas nur konsideri ke la cirkonstancoj ne ĉiam estas favoraj por la organiza komitato. Mi estas konvinkita ke en tiu-ĉi momento, kiam ni ne scias ankoraŭ ĉu la venontan jaron ni povos kunveni en iu ajn kongresurbo, multaj el tiuj, kiuj plendis pri la malbona organizado de la XVI[a], estus tre kontentaj se la sama organiza komitato kaj la urbo Wien estus invitontaj la esperantistojn por denove kunveni en tiu belega ĉefurbo por la venonta jaro.

Do, ni devas montri nian dankemecon al la L. K. K. el Wien, ĉar mi tute sincere opinias ke, se ĝi ne sukcesis plenumi la dezirojn de la partoprenantoj la deksesan, ĝi ne estas kulpa, tiel ke ni ne rajtas pensi nek dubi ĉu ĝi faris la tutan eblon por komplezi ĝiajn gastojn.

Ankaŭ mi volas aldoni ke, ni ne devas esti tro postulemaj rilate al tiu afero en tiu-ĉi momento, ĉar se ni tiel akre kritikas la organizajn komitatojn de la universalaj kongresoj de esperanto, ni riskas ke en venontaj jaroj, la invitoj estos maloftaj pli kaj pli. Kontraŭe, mi opinias ke ni devas kuraĝigi la venontajn organizajn komitatojn per aplaŭdo al la estintaj, okaze de iliaj seninteresaj klopodoj kaj sindonemo.

Tamen, la kongresa programo efektiviĝis tute prezice laŭ oni anoncis, kaj tiuj, kiuj bone antaŭlegis ĝin havis okazon por antaŭscii pri ĝia enhavo kaj ordo.

Mi povas certigi ke ni la hispanoj restis tre kontentaj pri la kongreso, ĉar la mirindaĵoj de la Urbo, la bona emo de la Ĝenerala Sekretario, kaj la komplezemo

al Comité Local del XVI°, porque es imposible totalmente, después de quince congresos universales, mejor o peor organizados, organizar otro mejor que los pasados. En este asunto las comparaciones siempre son odiosas, y nosotros debemos considerar solamente que no siempre son favorables para el comité organizador. Yo estoy convencido de que en este momento, cuando aún no sabemos si el año que viene nos podremos reunir en tal o cual ciudad donde celebrar congreso, muchos de los que se quejaron de la mala organización del XVI°, se darían con un canto en el pecho, si el mismo comité organizador y la ciudad de Viena invitaran a los esperantistas para reunirse nuevamente en tan hermosa capital para el año venidero.

Así, pues, debemos demostrar nuestro agradecimiento al Comité Local del Congreso de Viena, pues yo opino con toda sinceridad, que si no consiguió colmar los deseos de los que tomaron parte en el décimosexto, él no es culpable, ya que no debemos pensar ni dudar siquiera de que hizo todo lo que pudo por complacer a sus invitados.

También quiero añadir que no debemos ser muy exigentes sobre el particular en este momento, puesto que si tan acremente censuramos a los comités organizadores de los congresos esperantistas, corremos el riesgo de que en los años venideros las invitaciones sean cada vez menos frecuentes. Por el contrario, entiendo que debemos alentar a los comités organizadores futuros, aplaudiendo a los anteriores con motivo de sus desinteresados trabajos y desprendimiento.

Sin embargo, el programa del Congreso se cumplió con escrupulosidad según se anunció, y aquellos que de antemano lo leyeron bien, tuvieron ocasión de enterarse previamente de su orden y contenido.

Yo puedo asegurar que nosotros, los españoles, quedamos muy contentos del Congreso, pues las cosas admirables de la ciudad, el bondadoso carácter del Se-

de la gevienanoj, kontentigis nin tiel bone ke ni ne scias kiel esprimi niajn dankojn al ili.

S-ro Majoro Mangada, partoprenis, kiel oficiala delegito de Hispana Registaro, la Solenan Malferman Kunsidon de la XVI[a] Universala Kongreso de Esperanto, kaj faris elokventan salutparoladon je la nomo de la hispanaj aŭtoritatoj; ankaŭ paroladis en la kongresaj kunsidoj kaj en tiuj de la Universala Esperanto-Asocio, kaj estis unu el la paroladistoj (kiel reprezentanto de la hispana lingvo) kiuj partoprenis en la elmontra pruvo de la taŭgeco de Esperanto pere de senfadena telefonio.

S-ro. Gracia kaj liaj sep kamaradoj el Bilbao, bone amuziĝis, babiladis kaj vidiĝis en ĉiuj festoj, ĉu oficialaj ĉu ne oficialaj, tiel ke oni povas diri ke ili bonege reprezentis nian hispanan karakteron.

Geedzoj Azorin, el Cordoba, ankaŭ plezure trairis la urbon, vizitantaj magazenojn, promenejojn, muzeojn k. t. p.

La katalunojn mi ne vidis, ĉar la grandeco de Wien malpermesis al mi tion, tamen mi scias ke almenaŭ unu el ili ĉeestis la kongresurbon, ĉar mi konatiĝis kun li dum la vojaĝo.

Pri ni la valencianoj, kion diri? S-ro. Llorens, kuracisto kaj delegito, de U. E. A. en Pedralva, sin okupis pri kuracista fako, kaj pri filologio. Li vizitis hospitalojn, ĉeestis specialajn konferencojn pri medicino, kaj perfektiĝis, laŭ li diris, en la lernado de germana lingvo, per babilado kun esperantistoj el la provincoj kie pli pure kaj korekte oni parolas germanan lingvon.

Kaj pri vi—demandos al mi la legantoj—Pri mi nur povas diri ke mi pasigis la tutan kongreson subskribanta mian signon sur la folioj de la kajeroj kiuj multenombraj esperantistoj prezentis al mi pe-

cretario general, y la complacencia de los vieneses nos dejaron tan satisfechos, que no sabemos cómo agradecerles tan generosa hospitalidad.

El comandante señor Mangada tomó parte, como delegado oficial del Gobierno español, en la solemne sesión de apertura del XVI° Congreso Universal de Esperanto, pronunciando un elocuente discurso de salutación en nombre de las autoridades españolas; asimismo pronunció otros discursos en las sesiones del Congreso y en las que celebró la Asociación Universal Esperantista, y fué uno de los oradores (representando el idioma castellano), en la prueba demostrativa de lo utilísimo y adecuado que resulta el Esperanto en la telefonía sin hilos.

El Sr. Gracia y sus siete camaradas de Bilbao se divirtieron, charlaron y se les vió en todas partes, en todas las fiestas, tanto oficiales como no oficiales, tanto, que bien se puede decir de ellos que representaron dignamente el donaire hispano.

Los señores de Azorín, de Córdoba, también recorrieron la ciudad alegremente, visitando almacenes, paseos, museos, etcétera.

A los catalanes no les vi, porque la grandiosidad de Viena me lo impidió; sin embargo, me consta que, al menos uno de ellos, acudió a la ciudad del Congreso, porqne le conocí en el viaje.

De nosotros, los valencianos, ¿qué decir? El Sr. Lloréns, médico y delegado de la U. E. A. en Pedralva, se ocupó en asuntos profesionales y filológicos. Visitó hospitales, asistió a conferencias especiales sobre medicina y se perfeccionó, según dijo, en el estudio del alemán, por medio de continua charla con un esperantista de las provincias en las que más pura y correctamente se habla la lengua alemana.

¿Y acerca de usted?—me preguntarán los lectores.—De mí, sólo puedo decir que he pasado todo el Congreso estampando mi firma en las hojas de los cuadernos que numerosos esperantistas me

tantaj de mi spiritan penson kaj subskribon. Tio dependas de mia antikva partoprenado en la unuaj kongresoj kaj de la interkonatiĝo kun malnovaj esperantistoj ĉu gravaj ĉu negravaj. Eĉ estis austria kongresano kiu kun granda intereso volis fotografi min, ĉar laŭ li, mi estas vere hispana tipo. Kiam tiu fotografamanto konfesis al mi tion, mi iomete hontis kaj ruĝigis, sed vole ne vole, mi devis komplezi mian alparolanton.

presentaban suplicándome un pensamiento y una firma. Esto tiene su origen en mi activa participación en los primeros congresos y en los conocimientos con antiguos esperantistas más o menos sobresalientes. Hasta hubo un congresista austriaco que con gran interés se empeñó en fotografiarme, porqne, según él, mi tipo era el genuinamente español. Cuando aquel aficionado a la fotografía me confesó la causa de su empeño, me ruboricé y senti algo de vergüenza, pero, quieras o no quieras, tuve que complacer a mi interlocutor.

Ankaŭ mi min okupis dum la tagoj de la kongreso kolekti miajn privatajn impresojn pri ĝi por sendi ilin al la valenciaj ĵurnaloj kaj al La Suno Hispana.

También me ocupé durante los días del congreso en coleccionar mis impresiones personales acerca de él, para enviarlas a los diarios de Valencia y a La Suno Hispana.

*Merkredo, 6 aŭgusto.*—Merkredo estis la tago de la alveno de la plej multaj kongresanoj. Ili venis amase el ĉiuj direktoj kaj el ĉiuj landoj.

*Miércoles, 6 agosto.*—El miércoles fué el día de la llegada del mayor número de congresistas. Llegaban en masas por todas las líneas, procedentes de todos los países.

Matene mi vizitis la kongresejon por ricevi miajn dokumentojn, sed oni petis min atendi ĝis posttagmezo. Intertempe mi rigardis kun aliaj samideanoj kelkajn vidindaĵojn de Wien, kaj posttagmeze mi denove provis ricevi miajn dokumentojn. Sed, kiel mi supozis, estis jam neeble atingi la kongresoficejon: amaso da homoj estis atendanta antaŭ la sekretariejo.

Por la mañana visité la oficina del Congreso con objeto de recibir mis documentos, pero se me suplicó que esperase hasta primera hora de la tarde. Por hacer tiempo, visité con algunos camaradas algunas bellezas de Viena, y, después de comer, nuevamente intenté recibir mis papeles. Pero, como supuse, era ya imposible acercarse a la Secretaría; una multitud de personas se hallaban esperando lo mismo a la puerta de dicha oficina.

Vespere mi revenis por la interkonatiĝa vespero. Sed ĝi ne okazisis. Anstataŭ ĝi estis unua reciproka salutado de la kongresanaro.

Después de cenar volví para asistir a la invitación para la presentación y conocimiento recíproco de los asistentes inscritos. Pero este acto no tuvo lugar. Le sustituyó parecida solemnidad llamada oficialmente *Primer saludo recíproco de los congresistas.*

Do mi estis devigata iri en *Prater*'on por renkonti tie la kongresanojn.

Ante el cambio, me vi precisado a acudir al *Prater*, con objeto de encontrarme allí con los congresistas.

Granda bruego tie: Karuseloj, artefaritaj montoj, valoj, grotoj, amuzaj fervojoj, boatoj, kaj bruo, bruego!

Enorme barullo allí: ¡carruseles, montañas rusas, bailes, grutas, ferrocarriles, barquillas, y ruido, mucho ruido!

Jam de la unua tago, la lokaj jurnaloj

Desde el primer día los periódicos lo-

el Wien raportas pri nia kongreso. Inter ili mi povas citi *Wiener Allgemeine Zeitung* kaj *Illustriertes Wiener Extrablat* kiuj salutis la alvenintojn kaj deziris bonan restadon en Wien al la kolektiĝintaj kongresistoj.

*Ĵaŭdo, 7 aŭgusto.*—La programo anoncis por la 7 aŭg. matene je la 10 horo *internan malfermon de la kongresa laboro.*

La mezgranda salono de *Koncert-Haus* kie la Interna Malfermo estis okazonta, baldaŭ pleniĝis.

Je la 10'20 h. D-ro. Privat leviĝas kaj klarigas ke la unuaj tri tagoj de la kongreso estas dediĉataj al la kunsidoj de komitatoj kaj de fakasocioj, kaj ke la kunsidoj de la kongreso mem komenciĝos nur dimanĉon. Li diras ke tiu nova aranĝo estas farata sub respondeco de la Loka Komitato, kaj li proponas tuj nun okazigi la ĝeneralan kunvenon de la Universala Esperanto-Asocio.

Post akcepto de lia propono, li salutis la amikojn de U. E. A. kaj speciale ĝian honoran membron S-ino Zamenhof, kiu ĉeestas kun sia filino (Grandaj aplaŭdoj).

Li parolis pri la budĝeto, pri servoj de delegitoj, pri la celo de U. E. A., pri jarlibro, gazeto, radio k. t. p. Tuŝante la temon radiotelefonio li komunicas, ke la intereso de la esperantistaro por propra radiostacio esperantista estas granda, kaj ke la propra stacio eble jam baldaŭ efektiviĝos.

Poste parolis S-roj Fischer, Isbrücker, Mangada, Kenn, Krüger kaj aliaj pri diversaj temoj; kaj per lasta parolado de D-ro. Privat finiĝis la kunsido.

La saman tagon okazis fakkunsidoj pacifista, fervojista, blindulá, komercista, poŝtoficista, katolika, studenta, k. t. p.

cales de Viena publican reseñas acerca de nuestro Congreso. Entre ellos, puedo citar al *Wiener Allgemeine Zeitung* y al *Illustriertes Wiener Extrablat*, los cuales saludan a los recién llegados y desean feliz estancia en Viena a los congresistas reunidos.

*Jueves, 7 agosto.*—El programa había anunciado para el 7 de agosto, a las diez de la mañana, la sesión de apertura no oficial de los trabajos del Congreso.

El salón ordinario del *Koncert Haus*, en el que se habia de celebrar el acto, se llenó inmediatamente.

A las 10'20, el Dr. Privat se levanta y hace la aclaración de que los tres primeros días del Congreso serán dedicados a las reuniones de los comités y de las secciones, y que las reuniones del Congreso, propiamente dicho, comenzarán el domingo. Dice que esta nueva disposición ha sido tomada bajo la exclusiva responsabilidad del Comité Local, y propone que inmediatamente se celebre la reunión general de la Asociación Universal Esperantista.

Después de aceptada la proposición, el señor Privat saludó a los amigos de U. E. A. y especialmente a su miembro honorario la señora Zamenhof, que asiste con su hija. (Grandes aplausos).

Habló acerca de la liquidación, de los servicios de los delegados, del objetivo de U. E. A., del anuario, del periódico, de la radio, etc. Tocando el tema de la radiotelefonía, comunicó que el interés de los esperantistas por una propia estación radiotelefónica es grande y que la estación expresada, pronto será un hecho.

Después hablaron los Sres. Fischer, Isbrücker, Mangada, Kenn, Krüger y otros, sobre distintos temas y, últimamente, el Sr. Privat, terminando con este discurso la sesión.

El mismo día tuvieron lugar reuniones de pacifistas, ferroviarios, ciegos, comerciantes, oficinistas postales, católicos, estudiantes, etc.

*Vendredo, 8 aŭgusto.*—La programo anoncis por tiu-ĉi tago pli ol dudek fakkunsidoj, kaj kiel specialan aranĝon lumbildparoladon pri *Maks kaj Moric;* kaj krome la kabaredan prezentadon de *Vesperto.* Mi uzis la tagon por viziti kelkajn muzeojn kaj la iaman imperiestran somerrestadejon kastelo Schönbrun, kun samideanaj amikoj.

Posttagmeze mi aĉetis la trian numeron de *Kongresa Bulteno* oficiala organo de la XVI[a] Universala Kongreso de Esperanto en Vieno, ĉar ĝis tiu momento mi ne vidis ĝin vendi. Mi pagis por unu ekzemplero 3.000 aŭstriajn kronojn, proksimume laŭ la tiutempa monkurso 0'30 pesetojn hispanajn.

Tiu bulteno estis sufiĉe bone redaktita, sed kvankam ĝi estis 6 paĝa, tamen escepte malmultaj diversaj informoj pri la fakaj kunsidoj, la cetero enhavis literaturajn artikolojn kaj komercajn anoncojn.

Vespere estis en la sama salono kie okazis la interna malferma kunsido, radioprezentado laŭ speciala interkonsento kun radiostacio de Wien. En la stacio diversnaciaj esperantistoj estis parolantaj kelkajn frazojn unue en sia gepatra lingvo kaj poste en Esperanto. En la salono estis starigita akceptilo kaj du megafonoj por laŭtigi la sonon de la paroloj, por ke ĉiu ĉeestanto povu ilin aŭskulti.

*Sabato, 9 aŭgusto.*—Posttagmeze granda amaso da kongresanoj pilgrimis al Hotelo Hammerand en la oka kvartalo, kie estis okazonta la senvualigo de memortabulo je honoro de Zamenhof, fiksita sur la fasado de la hotelo. Paroladis S-roj. Schröder, Privat kaj Bujvid el Krakow kiel samlandano de la majstro.

La memortabulo estis farita el griza marmoro kaj portis la jenan surskribon:

*Viernes, 8 de agosto.*—El programa anunciaba para este día más de 20 reuniones particulares y especialmente una conferencia con proyecciones sobre *Maks y Moric* y, además, la representación de la comedia de cabaret *El Murciélago.* Yo ocupé el día recorriendo algunos museos y la que fué residencia imperial veraniega, castillo de Schönbrun, con otros camaradas amigos.

Por la tarde compré el tercer número del *Boletín del Congreso*, órgano oficial del XVI[o] Congreso Universal de Esperanto en Viena, pues hasta este momento no le vi vender. Pagué por un ejemplar 3.000 coronas austriacas, aproximadamente, según el curso a la sazón, treinta céntimos españoles.

El mencionado boletín estaba bastante bien redactado, pero aunque constaba de seis páginas, sin embargo, excepción hecha de algunas pocas informaciones sobre las secciones del Congreso, lo demás eran artículos literarios y anuncios comerciales.

Por la tarde, en el mismo salón donde tuvo lugar la apertura extraoficial del Congreso, se celebró una presentación radiotelefónica de acuerdo con la estación central de Viena. En dicha central, esperantistas de diversas nacionalidades pronunciaron unas frases, primero en su lengua patria, y a continuación en Esperanto. En el salón se había establecido un aparato receptor con dos megafonos para elevar el sonido de las palabras a fin de que todos los asistentes pudieran oirlas.

*Sábado, 9 de agosto.*—Por la tarde, multitud de esperantistas se trasladaron al Hotel Hammerad en el barrio octavo, donde había de celebrarse el acto de descubrir la lápida que en honor de Zamenhof se había colocado en la fachada del hotel. Pronunciaron discursos los señores Schröder, Privat y Bujvid de Cracovia, como paisano del maestro.

La lápida era de mármol gris con la siguiente inscripción:

**Dr. Lazar Ludwig Samenhof**
**1859-1917**
**dem die Menschheit die Hilfssprache**
**Esperanto**
**zu verdanken hat, wohnte in dem Jahren**
**1886 und 1897 in diesem Hause**

(traduko)

*D-o. Lazaro Ludoviko Zamenhof*
*1859-1917*
*al kiu la homaro dankas la helplikgvon*
*Esperanto*
*loĝis en la jaroj 1886 kaj 1897*
*en tiu-ĉi domo*

Laŭ la oficiala programo devis okazi nur hodiaŭ vespere la interkonatiĝa vespero de la kongreso. Sed post tri aŭ kvar tagoj de konstanta fratiĝo, la kongresanoj jam ne bezonis tiun momenton por konatiĝi.

*Dimanĉo, 10 aŭgusto.*—La solena malferma kunsido.—Ĝis tiu-ĉi tago ni ne atingis la feliĉan okazon admiri la grandegan salonon de *Koncert Haus*, t. e. la salono kie devas okazi la solena malferma kunsido, multe pli belan, multe pli ampleksan ol tiu en kiu okazis la merkreda kunsido.

Je 10 30 n. la kunsido komenciĝis per preludo sur orgeno. Poste miksita ĥoro kantis kantojn *La Espero* kaj *La Frateco.*

Kiel prezidinto de la XVa Prof. Dietterle malfermas la XVIan oficiale kaj solene, laŭ la tradicio. *Vivu la Deksesa!* Li proponas liston de estraro, kiu estas akceptata:

Prez : Ministeria konsilisto D-o. Minibeck.

Vicprez.: S-oj. Schröder, Schamanek, Privat, Warden, Merchant, Aktargiev, Kamaryt, Steche, Deligny, Lajos, Filippetti kaj Bujvid.

Gen. Sekr.: S oj. Edmonds, Kreuz kaj Smital.

**Dr. Lázaro Luis Zamenhof**
**1859-1917**
**a quien la humanidad debe**
**la lengua auxiliar**
**Esperanto.**
**Vivió en los años 1886 y 1897**
**en esta casa.**

Según el programa oficial, estaba señalado para hoy por la tarde el acto de la recepción para el conocimiento recíproco de los congresistas. Pero después de tres o cuatro días de constante confraternidad, los congresistas no necesitaban ya de esta ocasión para conocerse.

*Domingo, 10 de agosto.*—Solemne sesión de apertura. Hasta este día no tuvimos la dicha de admirar el salón grande del *Concert Haus*, esto es, el salón donde debía celebrarse la solemne sesión de apertura, mucho más hermoso, mucho más capaz que aquel en que se celebró la sesión del miércoles.

A las 10'30, comenzó la sesión con un preludio ejecutado al órgano. Después, un coro mixto cantó *La Espero* y *La Frateco.*

Como presidente que fué del XV° el profesor Dietterle declara solemne y oficialmente abierto el XVI° Congreso, con la fórmula tradicional, dando el grito de «¡Viva el XVI°!», proponiendo a continuación la lista del comité directivo siguiente, que fué aceptada.

Presidente Consejero ministerial, doctor Minibeck.

Vicepresidentes: Sres. Schröder, Schamanek, Privat, Warden, Merchant, Aktargiev, Kamaryt, Steche, Deligny, Lajos, Filipetti y Bujvid.

Secretarios generales: Sres. Edmonds, Kreuz y Smital.

